ESPERANTISTO SLOVAKA

ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo

IV-a JARKOLEKTO ● APRILO—MAJO 1949 ● NUMERO 4—5 (34—35)

# „Kritikon la kolombino...“

Konsento eĉ el eksterlando pruvas, ke nia lasta ĉefartikolo „Ĉu ni povas esti kontentaj?“, kritikinta nian slovakian movadon, rilatas ankaŭ kelkajn movadojn alilandajn, kie la cirkonstancoj estas similaj. Do ni permesas al ni daŭrigi iomete ĉi tiun demandon...

Nia ŝatata nederlanda kolego „Heroldo de Esperanto“ elektis el la slovakaj popolaj proverboj — kiujn ni aperigadas en poeta traduko de nia fervora (kaj fervoja) kunlaboranto Stefano Seemann — nur unu. Ankaŭ tiun ĉi la kompostista koboldo fuŝigis jene: „Kritikon la kolombino, knabon amas la knabino“, kvankam la proverbo ĝuste sonas: „*Tritikon* la kolombino ktp.“

Tamen ni solene deklaras, ke Heroldo (aŭ la preseja koboldo) tre bone eraris. Jes, kritikon amas ankaŭ nia verda kolombino (antaŭ nelonge niaj poetoj asertis, ke ni slovakoj estas nacio kolombina). Nome, post apero de la menciita kritiko ni ricevis plurajn buŝajn kaj leterajn certigojn, ke nia samideanaro vere laboras, ke ekz. la bratislavaa radiostacio dumvintre disaŭdigis eĉ kvar aktualaĵojn esperantlingve, ke ankaŭ la radiostacio en Košice dissendis prelegon pri Esperanto. Aliloke ni aperigas apartan raporton de nia kunlaboranto, esperantista redaktoro Imro Zalupský pri lia kunlaboro precipe kun orientaj kolegoj. Krome ni informiĝis pri pluraj gravaj sciigoj, kiuj estas tre ĝojigaj, sed kiuj ankaŭ pruvas, ke ni ne scias raporti pri nia agado. Kial ja povu aŭskulti niajn esperantistajn aktualaĵojn iu eksterlandano, se ni mem tute ne estas informitaj pri la okazonta disaŭdigo? Kial ni sciu, kiam en kia gazeto aperis poresperanta artikolo, sciigo ktp., se oni ne atentigas almenaŭ nin en SEI? (Ni bedaŭrinde ne havas tempon kaj eblecon

legi ĉiujn gazetojn.) Do unuflanke konstato de ĉiu bagatelaĵo, aliflanke silento pri vere gravaj okazintaĵoj.

Fari bruon ne estas nur nia hejma malsano. Estis tre instrue sekvi la evoluon de la subskribkolektado por UNO kaj kompari la nombron de akiritaj subskriboj kun la raportado pri ĉiuflankaj entreprenoj verdstelanaj el la koncernaj landoj (nature, ni komencu je la fino de la vico).

Alia afero, pri kiu ni ne povas esti kontentaj, estas la sinteno de niaj samideanoj, se temas pri aranĝo de pli granda entrepreno, i. a. de kongreso. Jes, oni elektas Lokan kongresan aŭ preparan komitaton, sed verdire — *kiom da anoj efektive laboras?* Ĉu ne restas fine nur kelkaj unuopuloj laborsuperŝutitaj? Promesado, komence fanfarona, poste sinsekve pli modesta ne povas anstataŭi silentan persistan kunhelpadon, sen kiu la malmultaj formikoj, batalantaj kontraŭ diversaj malfacilaĵoj, fine seniluziiĝas kaj perdiĝas por venontaj komunaj taskoj.

Ni ne estas kontentaj ankaŭ pri la nesufiĉa preparo de nia dumkongresa agado, kaŭzanta improvizadon en la lastaj momentoj, senfinan debatadon (babiladon) pri grandegaj problemoj, malproksimaj al la praktika vivo. Ni elektu pli modestajn, konkretajn programerojn, pli atingeblajn celojn, ni fikse elektu jam antaŭe referenton por ĉiu pritraktinda afero, ni ne serĉu lin (aŭ anstataŭanton) en la lasta momento. Ĝenerala kunveno ne daŭru pli longe ol maksimume unu horon. La raportojn de funkciuloj oni multobligu kaj la debatojn, salutparoladojn oni limigu je minimuma konciza formo, por ke la ĉeestantaro ne estu devigata aŭskulti prelegojn kun ofta ripetado de fundaj pensoj. Entuziasmo estas tre necesa en la kongresa laboro, sed dum la ĝenerala kunveno ĝi povas esti tre temporaba. Ni atentu ankaŭ pri modesteco de ĉiuspecaj „rezolucioj", des pli neefektivigeblaj, ju pli grandiozaj. Do, pli da realeco!

Grava manko de niaj kongresoj estas la kutima malapero aŭ almenaŭ silentemo de komisioj, sekcioj, ktp., frataj organizoj, elektitaj dum la pasinta kongreso, resp. partoprenintaj ĝin. Kiu povis ekz. partopreni la bernan kongreson de UEA en 1947 ka la malmöan en 1948, rimarkis, ke ne aperis jam, resp. ne efektivigis laborkunsidon kelke da organizoj. Ne volante trouzi la lokon, ni mencias nur unu, kies regula funkcionado estus tre grava por disvastigado de nia movado kaj por levigo de ĝia aŭtoritato. TEKA (Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio) anoncis

laborkunsidon, sed nek unu estrarano alvenis. Ni povis savi la situacion kun afabla helpo de s-ano Neergaard, kvankam li ne estas kuracisto. Nun ni sciiĝas, ke TEKA estas „reorganizata". Oni ne raportas pri la agado, ne sendas informilojn, ne donas vivsignon. Kiel ni povas do proponi al la kuracistaj naciaj revuoj, ke oni uzu Esperanton en la resumoj, se ni mem ne montras intereson? Ĉu oni ne havas sufiĉe da zorgoj pri la rusa, angla, franca resumoj, ke ili estu bone tradukitaj? Kaj por kiu kaj de kiu? Ĉu aperadas esperantlingvaj kuracistaj aŭ natursciencaj revuoj? Eldonado de romanoj ne estas ja ĉio!

Kaj se ni jam tuŝis la esperantajn resumojn en sciencaj gazetoj, ni nepre devas priparoli ankaŭ la ĝis hodiaŭ ne solvitan demandon de la supersignitaj literoj. Kvankam ni ne konsentas pri la propono de s-ano Kubacki, tamen ni devas konstati, ke manko de la supersignitaj literoj estas vera baro kaj bremso. Kiom da redakcioj diris jam al ni: Forigu la supersignitajn literojn kaj vi povos tuj ekkomenci esperantan rubrikon en nia gazeto! Ankaŭ vi povos aperigi esperantajn klarigojn ĉe ĉiu ilustraĵo!

Do aŭ forigi la supersignitajn literojn, aŭ organizi peradon en aĉeto de matricoj por tiaj landoj, kie ili ne povas esti fabrikataj!

Finante ni koncedas, ke ni mem ankaŭ meritas kritikon, do ni atendas viajn sugestojn, riproĉojn ktp., sed bonvolu nur ne sendi kutimajn grandiozajn neefektivigeblajn proponojn. Jes, ankaŭ nia redakcia kolombino amas kritikon, sed ĝi estu reala kaj konstruktiva. Precipe nin interesas, kiamaniere povos helpi al ni vi mem pri la disvastigado kaj stabiligo de nia movado!

*Eliz.*

---

ESPERANTA ANGULO EN SLOVAKA SEMAJNA REVUO.

La semajna revuo „Nedeľa" komencis aperigadi esperantan angulon $1/3$—$1/2$ paĝan, sub la gvidado de nia meritplena s-ano J. Lamačka el Trenčín. La rubriko estas plejparte en Esperanto, sed alportas ankaŭ slovaklingvajn priesperantajn informojn.

Tiu ĉi esperanta angulo en disvastigita semajna revuo signifas gravegan rekonon de la valoro de Esperanto. Sed, karaj gelegantoj, ĝi povos esti daŭrigata nur se montriĝos sufiĉa intereso flanke de esperantistoj. *Estas nia devo ne permesi, ke ĝi malaperu el la revuo. Ĉiu nepre skribu dankleteron aŭ karton* al s-ano Ján Lamačka, Trenčín, Pod Sokolicami, ČSR, Slovakio (por la redakcio de „Nedeľa.")

# Artpentristoj — ni vokas vin!

Atente mi legadas esperantajn gazetojn kaj kun intereso ĉiujn artikolojn, artikoletojn, ne esceptante anoncetojn. En gravaj artikoloj mi trovadas por mi mem, kiel por komencanto, multajn instruojn, sed mi bone scias, ke ili ne estas skribitaj nur por tiaj, kia estas mi: tio estus tre malgranda celo.

En esperanta gazetaro mi trovadas aludojn pri multaj, diversaj, fakaj profesioj, nomoj de diversaj nacioj de la tuta mondo, sed nenie pri kolegoj de mia fako. Estas vero, ke mi trovis interesulon, kiu volis korespondi pri arto, sed li ne estis fak-kolego. Mi sendis al li poŝtkarton en Polujon, sed je mia surprizo ĝi post ia tempo revenis, kun rimarko „nekonata“.

Tial mi diradas al mi mem: „*Ĉu mi estas la unua aŭ nur sola artpentristo en la granda esperantista familio?*“ ... Mi supozis, ke mi trovos jam multajn samfakulojn, sed ĝis hodiaŭ mi trovis nek unu! Nek unu anoncis sian ekziston en la esperanta gazetaro per artikoleto aŭ per alvoko, eĉ nek en rubriko de anoncetoj.

Eble mi eraras. Eble ili silente laboras en siaj atelieroj. Aŭ ĉu ili laboras en la esperanto-movado kiel anonimuloj? Ĉu estas la kaŭzo ie alie? Kiu donos klarigon pri tio? Eble ili ne estis informitaj pri Esperanto kaj ĝia celo, same kiel mi en mia juna aĝo. Tial mi nun kun bedaŭro devas konstati, ke mi komencis lerni Esperanton tro malfrue!

Artistoj estas jam de naturo internaciuloj, parolante per sia arto al la tuta homaro, ĉar la arto apartenas al ĉiuj. Ĝi estas tiel komprenebla kaj utila por la homara interkompreniĝo kiel la bela, simpla, jam en la tuta mondo disvastigita, tiucele konstruita internacia helplingvo Esperanto. Estiĝinte samideano, mi povas konstati, ke Esperanto estas por la internacia arto tre necesa helpilo, ebliganta venki ĉiujn malhelpaĵojn survoje al la komuna celo. Arto kaj scienco servas al tuthomara kulturo kaj interkompreniĝo — Esperanto aliĝas al ili tre konvene. Por mia pentra fako kaj por mi mem ĝi fariĝis bona helpilo kaj internacia amiko.

Mi povas nur rekomendi Esperanton al ĉiuj kolegoj, kiuj ankoraŭ ne scias pri ĝi, ĉar per ĝi ili fariĝos veraj internacianoj!

*Martin Benka.*

*Št. R. Seemann:*

# Memore al s-ano Jukl

Festotago estas — l'unua de majo,
Vivo — kaj ĝojplena ĉe Danub' la kajo;
Marŝas la festantoj tra la urbaj stratoj,
Sonas la pavimo sub la piedbatoj.

Nur unu el niaj karaj samurbanoj
Perdas jam el siaj krucigitaj manoj
La forton por vinki al homoj marŝantaj;
Same la okuloj liaj vitriĝantaj
Ne vidas la feston, nek la kamaradojn,
Nek liaj oreloj aŭdas piedbatojn
Niajn sur pavimo el ŝtono granita.

Ĉi tiea mondo por li jam perdita...

Tia estas vivo. Multaj festas feston,
Dume al „vokitaj" laste nigran veston
Sur la korpon metas por voĵago lasta,
Kies fino estas en lando sen-kasta.

Al vi, samceleano JUKL nia kara —
Kor' nia plenplena da dolor' amara —
Lastan adiaŭon sendas de ĉi tie
Ĉiuj la SES-anoj: Ĝis revido tie!

Ĵus antaŭ la presigo de tiu ĉi n-ro de ES ni ricevis la frapan sciigon, ke s-ano Vlado JUKL, profesoro kaj fakinspektoro ĉe komercaj lernejoj, inspektoro por Esperanto ĉe faklernejoj, eminenta stenografo-pedagogo, vicprezidanto de Slovaka Esperanto-Societo kaj prezidanto de la Ekzamena komisiono de Slovaka Esperanto-Instituto mortis la 1-an de majo, en sia 57-a jaro.

Lia morto estas grava perdo por la movado ne nur en Slovakio, sed en la tuta ČSR.

# 3-a Slovaka Esperanto-Kongreso

LOKO: Laŭ decido de la komitato de SES okazos nia 3-a Slovaka Esperanto-Kongreso en Bratislava.

DATO: Konsiderante, ke la Danubregiona Esperanto-Konferenco ne okazos ĉi jare en nia respubliko, ni aranĝos nian Trian de 30. VII.—1. VIII. 1949.

ADRESO POR LETEROJ: Loka Kongresa komitato de la 3-a. Slovaka Esperanto-Kongreso, Bratislava I., Zámočnícka ul. 8/I.

KONGRESKOTIZO: La kongreskotizo estas Kčs 50.—, kaj devas esti pagata samtempe kun la aliĝo.

DONACOJ: Superpagojn kaj donacojn ni danke akceptas, ĉar helpe de ili ni povos aranĝi nian Trian pli impona.

ALIĜILOJ kaj poŝtpagiloj estas almetitaj al tiu ĉi n-ro de ES. Pluaj estas haveblaj ĉe la supra adreso.

GLUMARKOJ: Kongresaj glumarkoj estas haveblaj ĉe LKK, 30 pecoj por Kčs 10.—. Uzu ilin ĉe via korespondado, ĉar ili propagandas ne sole la kongreson, sed ankaŭ Esperanton.

VOJAĜRABATO: Ĉiu kongresano ricevos 33% rabaton sur ČSD.

LOĜIGADO: La plej granda parto de la gekongresanoj povos esti enloĝigata en la nova, moderna altlerneja internato.

EKZAMENOJ: Kunlabore kun Slovaka Esperanto-Instituto, LKK aranĝos dum la kongreso ekzamenon pri lingvoscio. La celo de la ekzameno estas pruvi, ke la ekzamenato posedas la lingvon parole kaj skribe por bezonoj de la ĉiutaga vivo kaj por apliko en diversspecaj internaciaj rilatoj.

La ekzameno pri lingvoscio konsistas el 1. Skriba tasko (traduko de nacilingva teksto en Esperanton kun helpo de vortaro). 2. Legado, tradukado kaj klarigado de esperanta teksto, atentante gramatikajn kaj sintaksajn regulojn. 3. Konversacio pri okazintaĵoj de la ĉiutaga vivo. 4. Pruvo pri kono de la teksto kaj melodio de „La Espero".

Pri sukcese farita ekzameno ricevos la ekzamenito diplomon. La ekzamenkandidatoj pagas ekzamenkotizon Kčs 50.—.

Interesuloj skribu laŭ supra adreso. Limdato por aliĝoj al la ekzameno estas la 15-a de julio 1949.



Partoprenintoj de la II-a Tutslovaka Esperanto-Kongreso en Košice (21.—23. VIII. 1948).
(† s-ano Jukl staras malantaŭ la supra maldekstra angulo de la esperanta flago.)

# Al s-anino Milda Jakubcová

Okaze de la 25a datreveno de ŝia esperantiĝo.

Nia „Verda panjo“ festas
jubileon sian raran,
verdstelanoj ĉi okaze
ŝin gratulas — ege karan!

Ekaminte nian lingvon,
ŝi progresis mirigante
instruiston. ĈE mem estis!
Lian vojon procedante

plugis ŝi la verdan kampon,
„suĉinfanojn“ edukadis,
kursojn gvidis, multe skribis
kaj kongresojn vizitadis.

Kaj belstilaj ŝiaj sagoj
en la lingvo edz-peranta
trafis fine ies koron —
vi lin konas — estas *Franta*.

„Ondo de Daŭgava“ ploris
pri ŝi tiam antaŭ jaroj,
por ŝi nome ne ekzistis
en la mondo iuj baroj.

Sukcenlandon forlasinte
en ČSR hejmon trovis,
ekmovigi „ŝlimajn“ akvojn
senhezite tuj ŝi provis.

Sed post longa silentado
(ĝia kaŭzo malkovrita)
eklaboris ŝi kun vervo
laŭ metodo bontrovita.

Unu belan tagon „trovis“
ŝin Slovakoj per la ES;
depost tiu tempo devas
ŝi „batali“ nun sen ĉeso.

Nombro de „viktimoj“ kreskas
kiel post la pluvo fungoj,
sed pli akraj estas plumo,
lango ol dek ŝiaj „ungoj“.

La traktato estu kurta!
Atendas ja „suĉinfanoj“,
bondeziri sopirantaj
„freŝbakitaj“ samcelanoj.

Kaj ariĝas geamikoj,
ĉiuj kun la sama moto,
estraranoj kaj grupanoj —
en angulo „la roboto“.

Nur laŭ nomo kara „MILDA“,
bonhumora restu ĉiam,
vian verdan ŝildon portos
adeptaro post vi iam.

Floru kiel Esperanto
iĝu nombraj viaj tagoj,
nur plej bonajn la sukcesojn
donu al vi pluaj agoj!

Paciencon ĝis la venko,
(vervo ĉe vi superfluas),
VIVU NIA „VERDA PANJO“,
unisone ĉiuj bruas.

*I. Schoon*, Haarlem, Nederlando:

# Malnova paskorito

En la vilaĝeto *Ootmarsum* (Nederlando) jam depost jarcentoj okazadas tre interesa rito, kiun la enloĝantoj nomas „vlöggelen“.

La gvidado de ĉio ĉi estas en la manoj de la „paskoviroj“, t. e. komisiono, konsistanta el ses junaj, en la vilaĝo naskiĝintaj enloĝantoj. Ĉiujare du paskoviroj devas cedi sian postenon al du novaj.

La tasko de tiuj ĉi paskoviroj estas inter aliaj ankaŭ aĉeti la „paskolignon“, t. e. tri ĉevalĉarojn da ligno por la paskofajrego, peti du kamparanojn disponigi po du garboj da sekala pajlo kaj peti tri ŝarĝveturigistojn transporti la paskolignon al la paskoherbejo.

La sabaton antaŭ Pasko, je la 13a horo, la paskoviroj kantante aĉetas la lignon. Poste ĝi estas lertmane ŝarĝata sur la ĉarojn kaj solene akceptata de la tuta loĝantaro. Ĝis malfrua vespero aŭdiĝas la vere bela reviviĝa kanto:

„Aleluja, la bela sono, aleluja,
nun estas kantata, bele kaj oftege,
aleluja, aleluja, aleluja.“

Je la unua paskotago ĉiuj vizitas la preĝejon kaj tagmeze ĉiuj ĉeestas la vesprojn. Post tio ĉi ĉiuj foriras al la paskoherbejo por distri sin ĉe festostandoj. Kiam alproksimiĝas la 17a horo, la kantoro ekkantas la reviviĝan kanton kaj la paskoviroj kaj la enloĝantaro kune kantas:

„Kristo reviviĝis
el la manoj de la Judoj;
do ĉiuj ni volas esti gajaj:
Kristo estas nia Savinto.
Aleluja!“

Oni ĉirkaŭpromenadas la pasko-altamason ĝis kiam ĉiuj enviciĝis. Poste oni iras, solene kantante, al la vilaĝeto. Apud la buterfarejo oni haltas. Por la plej aĝa paskoviro ja nun venas la plej grava momento de la tuta jaro: serioze li metas sian maldekstran manon malantaŭ sian

dorson. Lian manon tuj prenas la dekstra mano de la dua paskoviro, la manon de tiu ĉi la tria kaj tiel faras ĉiuj unu post la alia kaj post nur iom da tempo la tuta amaso fariĝas bonorda ĉeno, kiu solene paŝante sekvas la kantoron laŭlonge de la jam depost jarcento fiksita „vlöggel-vojo“. La homoj iras sur „infankapetoj“ (tre malebena pavimo), preter la levilputo, tra kelkaj farmdomoj, kuŝantaj ĉirkaŭ la vilaĝeto, kiun ili poste trairas. Tie ili iras tra la drinkejo, en kiu la drinkejestro pretigis por la paskoviroj po unu tutplena glaso da brando; la paskoviroj malligiĝas por momento el la ĉeno, malplenigas unuglute la glason, kaj daŭrigas sian vojon, jam la tioman fojon kantante „Aleluja“.

Irinte tra kelkaj dometoj, oni iras ĉirkaŭ la preĝejo kaj alvenas al la foirplaco. Tie la amaso kiel spiralo ruliĝas ĉirkau la gvidanto. Kiam la lasta partoprenanto estas alveninta sur la placon, oni ankoraŭfoje solene kantas. Ĉe la fina „Aleluja“ oni svingas per ĉapoj, ĉapeloj, tukoj k. t. p. Tiam subite oni levas alten trifoje ĉiujn etajn infanojn ..... kaj „vlöggelen“ finiĝis.

Vespere, ĉe multhoma interesiĝo, la paskoviroj bruligas la paskofajron. La duan paskotagon ĉio ripetiĝas, sed malpli solene.

---

*Ŝt. R. Seemann:*

# Kanto pri fervojisto

(Dediĉita al la viena kongreso defervojistoj-esperantistoj la 2—3an de aprilo 1949.)

Sur relpar' en vasta mondo
kantas radoj de la trajn':
„Fervojisto, fervojisto
estas hom' ne kia ajn!“

Li per Esperant' fratiĝas,
tuta mondo konas lin;
sub flugilrad' amasiĝas
kaj sub stel' kun pintoj kvin.

Li per relruband' kunligas
landojn de la granda mond',
verdstelanojn amasigas
per la trajn' al frata rond'.

„Fervojisto, fervojisto
estas hom' ne kia ajn,“
sur relpar' en vasta mondo
kantas radoj de la trajn'.

*Imrich Zalupský:*

# Praktikeco de Esperanto

Esperanto ne estas nur belega ideo, sed ankaŭ belega realo kaj ju pli „granda idealisto" estas iu samideano, des pli fervore li klopodas pruvi la realan praktikecon de nia „verda lingvo". Sen intenco fanfaroni, mi volas nun montri kelkajn pruvojn de praktikeco de Esperanto.

Jam en pasintjara kolekto de nia gazeto mi skribis pri praktika uzo de Esperanto en ĵurnalista laboro. En tiu fako tre laŭdinda estas la laboro de la „Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio" (TEĴA), kiu organizas la peresperantan kunlaboron de ĉiulandaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Redaktoro D-ro Unger en Svislando eldonas „Esperanto-Press" — internacian informan servon, kiu disponas eĉ pri foto-arkivo. Esperanto fariĝas tiamaniere vere praktika ilo por internacia interŝanĝo de informoj kaj porgazetaj kontribuaĵoj.

Pli detale mi volas skribi pri miaj propraj spertoj, ĉar mi ilin plej bone konas kaj mi esperas ke per tio mi instigos kelkajn samideanojn, eĉ ne ĵurnalistojn, al pli praktikaj metodoj de peresperanta laboro. Mi limigos mian mencion nur je mia kunlaboro kun mia japana amiko T. Kurisu en Osaka, ĉar li vere eminente reprezentas tipon de praktika „granda idealisto". Nia kunlaboro komencis en julio 1948.

Pere de nia ĉina amiko Honfan en Nankino mi ricevis lian unuan kontribuaĵon: la esperantan tradukon de la japana noveleto „Ĉevalo" de Tokunaga Sunao. La slovakan tradukon mi publikigis en mia ĵurnalo „Práca" (Laboro), organo de sindikatoj en Slovakio. Tio okazis la 25-an de julio 1948. La pruvekzempleron mi sendis al s-ano Kurisu kaj jen — la japana gazeto „Bunkagu Ŝinbun" kopiis la titolon de la slovaka traduko kaj publikigis ĝin kun kelkaj informoj pri nia peresperanta laboro. Tiun japanan kliŝon mi poste uzis por ilustri la artikolon „Letero el la lando de leviĝanta suno", kiu aperis en „Práca" kun subtitolo „De la esperanta kunlaboranto de „Práca" en Japanio".

Dume aperis en „Práca" pliaj peresperantaj tradukoj el la japana literaturo: la 7-an de aŭgusto „Viro kiu ne aplaŭdas" de Seikiĉi Huĝimori, en decembro la eseo de Kikue Makise „Moskitoj en Bulgario", en januaro „Dum la kanto de Internacionalo" de Hiroŝi Kataoka, „Letero el cementbarelo" de Joŝi-

ki Hajama, „Trunko“ (originale „Radiko“) de Ŝigeharu Nakano...

En la monatgazeto „Nový Orient“ („Nova Oriento“) aperis en januaro „Pacmanifesto de japanaj verkistoj“ kaj la 28-an de januaro ĉiuj slovakaj radiostacioj disaŭdigis la legadon de la japana novelo „Vento antaŭ printempo“ de Ŝigeharu Nakano. Tia estas la bilanco ĝis la 1-an de marto 1949.

S-ano Kurisu intertempe komencis presigi sian libron, kompilitan laŭ materialoj, ricevitaj de multaj fremdlandaj esperantistaj korespondantoj. La libro kun titolo „La sama suno lumigas la mondon“ aperos en la unua duono de ĉi tiu jaro. La Ĉeĥoslovakion reprezentas en ĉi tiu libro miaj kvin artikoletoj. Krome li jam tradukis japanlingven la libron de W. Storm „The Crisis in Czechoslovakia“, kiun eldonis „Orbis“ en Praha. La japana traduko havas titolon „La venko de popolo en Ĉeĥoslovakio“. La libron li ricevis pere de ĉeĥa samideano Josef Pošepný.

Sed eĉ tio estas nur komenco, ĉar Esperanto estas bonege uzebla ne nur inter ĵurnalistoj, sed eĉ inter verkistoj kaj tradukistoj. Ĉu ni ne povus traduki kompletajn romanojn pere de Esperanto? Certe ni povus, kaj ni jam komencis. Eble jam dum ĉi tiu jaro aperos en Japanio la japana traduko de la fama libro de Július Fučík „Raporto el la eŝafodo“, ĉar eĉ tradukpermeson ni jam ricevis. El la novelaro „Muta barikado“ de Ján Drda estas jam tradukitaj du noveloj, do sufiĉas nur permeso de la aŭtoro por aperigi en Japanio la japanan tradukon de ĉi tiu ĉeĥa verko.

Ankaŭ en Slovakio aperos tradukoj el la japana literaturo, sed pri tio poste, kiam ĉio estos jam preparita. Mi forte kredas, ke baldaŭ mi povos informi pri pliaj sukcesoj de praktika peresperanta laboro en nia lando kaj en Japanio kaj ke ankaŭ en aliaj landoj ektroviĝos praktikaj „grandaj idealistoj“.

---

## FERVOJISTOJ SLOVAKAJ, ATENTU!

Kiel komitatano de SES por fervojistaj aferoj mi petas ĉiujn fervojistojn-esperantistojn en Slovakujo sendi al mi poŝtkarton kun jenaj datoj: Nomo, rango kaj deĵora funkcio, jaro de esperantiĝo, ĉu ano de SES kaj de kiam. La datojn mi bezonas por havi statistikon pri fervojistoj-esperantistoj en Slovakujo. Anoncu vin tuj!

Št R. Seemann, hl. inšp. št. žel predn. skupiny OÚ/5. Riad. št. žel. Odúčt. ústredňa, Bratislava. Klemensova 10.

# Kio okazas en ĈSR

III.

Akcepto de nova eldonista leĝo

*La 24-an de marto 1949 akceptis la ĉs. parlamento novan leĝon, pri kies signifo Jozefo Kopecký, ministro por informoj kaj klerigo, diris i. a.*

„La februara venko (en jaro 1948-rim. de la red.) per sia konsekventa puriga verko kaj revolucia vervo ĉesigis ĉion domaĝan kompromisecon kaj amfibiecon ankaŭ en la sfero de eldona agado kaj pere de la eldonista leĝo ni por ĉiam fermis la pasintecon, la kapitalistan pasintecon en la eldona agado kaj ni efektivigas transiron en tute novajn cirkonstancojn.

La funda, renversa signifo de la eldona leĝo estas, ke el la sfero de la eldona agado estas por ĉiam eksigitaj privatkapitalistaj interesoj. La leĝo realigas la principon, ke la libro devas esti konsiderata kiel havo de nacia riĉeco kaj objekto de ŝtata zorgado. Ĉi tiu naciigo de la eldona agado ne realiĝas pere de naciiga ordono, sed tiamaniere, ke principe ŝanĝiĝas la persono, rajtigita eldoni librojn kaj ke el tiu ĉi rajtigo estas eliminataj personoj privataj, privataj entreprenistoj kaj ke la eldonista rajtigo apartenos al faktoroj kolektivaj, al korporativaj juraj personoj, al organoj kaj organizoj de publika karaktero...

... La leĝo distingas du rajtigojn: por eldonado de libroj, muzikaĵoj, reproduktaĵoj de artverkoj kaj aliaj neperiodikaj publikaĵoj, krome apartan rajtigon por krei eldonejon kiel ekonomian unuon por eldona agado. Pro tio necesas aparta permeso de la Ministerio por informoj kaj klerigo. Grandaj eldonejoj estas samtempe kunligitaj kun presejoj kiel sia poligrafia bazo kaj formos eldonej-presejajn kombinaĵojn. Restos ankaŭ nuraj entreprenoj de poligrafia industrio, kiuj servados al la ĝenerala klientaro de la eldona sfero...

... La leĝo ebligas al ni plenumi nian grandan kaj ĉefan celon: eldoni por la popolo librojn belegajn kaj malmultekostajn. Kiel konsila kaj iniciativa organo de la ministerio funkcios Centra eldona konsilantaro, dividita en du naciajn branĉojn: la ĉeĥan kaj la slovakan. La centra konsilantaro proponados la ĝeneralan planon por eldonado de neperiodikaj publikaĵoj kaj la naciaj decide kunefikos pri eldonado de libroj, muzikaĵoj, reproduktaĵoj de artverkoj kaj aliaj neperiodikaj publikaĵoj.

Ni zorgos, ke la centra eldona konsilantaro estu kunmetita el reprezentantoj de ĉiuj elementoj de nia kultura kaj scienca vivo, interesitaj pri eldonado de libroj kaj publikaĵoj kaj precipe, ke influan reprezentadon en ĝi havu niaj verkistoj kaj scienculoj. La eldona konsilantaro havos unupoajn specialajn komisionojn. Krome ni volas, ke ĉiu eldona entrepreno havu ideologie gvidantan literaturan redaktoron el la signifaj verkistoj, scienculoj kaj publikistoj. La Ministerio decidos pri eldono de la libro laŭ la propono de la eldona konsilantaro.

La nova eldona leĝo kreis pli bonajn kondiĉojn por kresko kaj progreso de nia publikiga agado. Ĉiu kreanto povos sian bonan verkon validigi pere de iu korporacio, kiu havos eldonrajton. La verkistoj influe kundecidos en la edicia konsilantaro kaj krome la Asocio de ĉs. verkistoj posedos ankoraŭ propran grandan eldonentreprenon. Ni orientos nun nian eldonan agadon nur je literaturo progresema, revolucia, popoldemokrata kaj je la literaturo socialista kaj same kiel ni subtenados nian literaturon, ni disvastigados ankaŭ la verkojn de la granda literaturo de Sovetunio kaj popolaj demokratujoj. Ni volas pagi nian ŝuldon al nia propra ĉeĥa kaj slovaka literaturo, ripari la eraron de la ĉs. burĝoazio, kiu anstataŭ nian propran bonan literaturon subtenadis fremdan kreadon kaj el la tuta mondo de la dekadenta kapitalismo importis ĉiuspecajn literarajn senvaloraĵojn kaj venenigajn verkaĵojn Ni ĉeĥoj kaj slovakoj havas verkistojn, pri kiuj ni povas fieri, ĉar liaj verkoj estas trapenetritaj de esprimplena spirito progresema, demokrata, revolucie-popola kaj socialista. Nia devo estas sufiĉe valorigi la artan trezoron de niaj naciaj klasikuloj kaj se ni por komenco eldonus nur la klasikajn verkojn de nia literaturo, de nia ĉeĥa kaj slovaka literaturo, ni farus multon por la nova spirita kaj morala levigo de nia popolo kaj ĝia klerigo kaj por eduko de la junularo. Ĉiokaze ni devas plej sincere danki al la prezidento de la Respubliko Klemenso Gottwald, kiu iniciatis la akcion por eldono de verkoj de Alojzo Jirásek kaj Hviezdoslav kaj aliaj ĉeĥaj kaj slovakaj klasikuloj.“ Esperantigis *Eliz.*

---

SCIIGU AL LA ADMINISTRACIO ĈIUN DAŬRAN ŜANĜON
DE VIA ADRESO.

REABONU NIAN REVUON POR VIA EKSTERLANDA
KORESPONDANTO!



S-ano F. S. Almada kun sia Esperanto-kurso, starigita en la urbo Santos (ŝtato Sao Paulo), Brazilio. Partoprenas ĝin ĉirkaŭ 50 gekursanoj 12—50 jaraj. Kelkaj el ili jam korespondas kun Ĉeĥoslovakio. Ĉu vi ne volas kontaktiĝi kun iu el la kursanoj?

---

*Lobodón Garra:*

# La renkonto

(El la verko „La malbenita Tero")

Laŭ la paŝo de iliaj ĉevaloj, subtenante la kontakton nur per la sono de siaj voĉoj, la homoj marŝis en la terure malhela nokto. —

Kovritaj per ponĉoj,[1] kiuj apenaŭ ŝirmis ilin kontraŭ la ega malvarmo, ili iradis vipataj de la sencesa vento de la patagoniaj ebenaĵoj, kiun oni aŭdis sibli inter la arbustaj kreskaĵoj. La vento levis la delikatan sablon de la dezerto, kaj ili sentis ĝin kraketi inter siaj dentoj. —

Malgraŭ ke ili antaŭeniris blinde, la voja instinkto gvidis ilin. Subite, fine, haltis. — Ili estis alvenintaj. — Du el ili malsuprensaltis de la ĉevaloj kaj per pinĉilo, kiun ili kunportis, tranĉis unu post alia ĉiujn fadenojn el la dratbarilo. — Ili forigis la tranĉitajn metalfadenojn en

---

[1] ponĉo = indiana mantelo.

granda amplekso, kaj poste rajdis pluen la ĉevaloj, kaj la grupo de rajdantoj daŭrigis antaŭenirante inter la ombroj. —

Ili, ŝajne, konis tre bone la terenon. — Ĉiun momenton ili stumblis je dormantaj ŝafoj, kiuj leviĝis ektimigitaj. — Ĉar la ŝafoj estis disiĝintaj sur vasta spaco, la homoj bezonis kelkajn horojn por rekunigi la ŝafarojn. — Kaj kiam jam tagiĝis, ili ekmarŝis, pelante la ŝafaron sur la vojon, per kiu ili venis. — La terura malvarmo de la frumateno tremetigis ilin, malgraŭ ke ili estis kovritaj per la ponĉoj (1). —

Malgraŭ tio, ke ili devis marŝi rapide, post kiam ili antaŭeniris proksimume dekkvin kilometrojn, ili haltis momenton kaj faris fajron por prepari mateon.[2] Ili fumis cigaredojn, kaj tre baldaŭ denove malaperis sur la horizonto de la ebenaĵo de Chubut,[3] kie la rivero Chico, kiu fluis proksime, estis kiel longa oazo de verdaĵo meze de la dezerta sekeco.

Dum la tuta tago ili daŭrigis la silentan marŝadon pelante la ŝafarojn de belegaj merinosoj. — Tagmeze, ili haltis por mortigi ŝafinon kaj prepari bongustan rostaĵon. — Poste, daŭrigante ĉiam okcidenten, ili iris tra tro seka valeto, kiu, pli libera de la ĝena kreskaĵaro, permesis al ili antaŭeniri pli rapide kaj pli facile. — Sen paroloj nek komentarioj, tiuj homoj daŭrigis sian marŝadon, kvazaŭ plenumante devon, kiun la fatalo de la vivo trudis al ili. —

Jam vesperiĝis. — La lastaj sunradioj projektis ilian ombron sur la fundon de la silenta valeto. — Subite, iu turnis la kapon, kaj ĵetis la alarman krion: — La boersoj! —

Tuj tri el ili galopis ĝis la angulo de la montkrutaĵo, kie ili kuŝiĝis ventre sur la teron, liginte la ĉevalbridojn al arbtrunkoj. — Ili prenis la pafilojn, kaj momente ili estis pretaj. — Unu sola rigardo sufiĉis por studi la terenon. —

La aliaj du incitis la hundojn, kiuj duobligis la bojojn, rapidigante la marŝadon de la ŝafaro. — Ili klopodis forkuri ĝis kiam la noktombroj permesos al ili liberiĝi de la persekutantoj. — Tiuj, kiuj malsuprensaltis de la ĉevaloj, lokiĝis malantaŭ ŝirmaj ŝtonoj, atendante la atakon.

Efektive, grupo de dek rajdantoj aperis en la fluejo de la valeto. La koloniistoj rimarkis la malaperon de siaj ŝafaroj kaj entreprenis la persekuton de la brutrabistoj.

Pafo resonis seke inter la mallarĝaj ŝtonmuregoj de la valeto kaj kuglo pasis siblante super la kapoj de la tri homoj. — Tio estis la ko-

[2] mateo = sudamerika teo. — [3] Chubut = regiono en Sudargentino.

menco. — Kompakta pafado, kiu aŭdiĝis de ambaŭ partoj, sekvis tuj. — Metron post metro, la koloniistoj antaŭeniris, dum la tri homoj restis sur siaj lokoj. — Estis malfacile scii ĉu estis okazintaj homperdoj, ĉar la pafado daŭris tre intense.

Post dudek minutoj, unu el ili estis trafita per kuglo en la bruston, iom sub la maldekstra klaviklo, kaj falis senviva, eble kun la koro traborita. La aliaj kontraŭbatalis iom plu, sed vidinte sian malsuperecon, rapide forlasis la kaŝejon kaj kurinte ĝis la ĉevaloj, ili forgalopis tra kuglopluvo, kiun ili sentis sibli proksime.

Ili haltis ankoraŭ du aŭ tri fojojn por haltigi la persekutantojn, sed baldaŭ la noktombroj malebligis al tiuj ĉi daŭrigi antaŭen sen la danĝero de fali en embuskon.

Kuniĝinte kun la aliaj kamaradoj, la du homoj daŭrigis sian vojon dum la tuta nokto, pelante la ŝafarojn, ne haltante eĉ momenton, malgraŭ ke dum pli ol du tagoj ili nek dormis nek ripozis. — Ili klopodis malproksimiĝi kiel eble plej multe, esperante atingi la Andan montaron, kie neniu renkontos ilin. — Ili ne estis homoj, kiuj facile forlasas la kaptaĵon.

Ĉiam marŝante, ili estis pretaj rebati alian atakon tuj kiam ili denove estos atingitaj.

Sed la boersoj, kiel ili interne timis, dum la nokto iris pli antaŭen ol ili, kaj atendis ilin en angulo de la valeto.

La suno estis jam alte, kiam pasis la kvar homoj. La persekutantoj akceptis ilin per densa pafado, kiu mortigis du el ili. — La aliaj du kun trankvileco kaj malvarma sango alteriĝis, ŝirmis sin malantaŭ la ĉevaloj, kaj respondis la atakon.

Kelkaj ŝafoj falis tuŝataj de la kugloj; la restintaj disiĝis ĉiudirekten, sekvitaj de la hundoj. — La homoj daŭrigis ankoraŭ momenton sian senutilan reziston. — La ĉevaloj falis vunditaj kaj apenaŭ taŭgis nun kiel ŝirmilo. — Unu el la individuoj estis brakvundita kaj la alia estis trafita en la ŝultron.

Fine konsumiĝis la municio. — La du sin rapide kaŝis, evitante servi kiel celtabulo; ili kuris malantaŭen inter kreskaĵojn. — Ungograte ili surgrimpis la muron de la valeto, kaj tuj malaperis inter la arbustoj sur la sablejo, malgraŭ ke unu el ili ricevis kuglovundon en la ventron, kiu apenaŭ permesis al li la marŝadon. — La koloniistoj alproksimiĝis al la falintoj; unu ankoraŭ vivis, petante insiste akvon. — Ili ŝarĝis

lin sur ĉevalon kaj firmigis lin sur la selo per rimenoj. — Li havis terurajn vundojn en diversaj partoj de la korpo, sed la plej rimarkebla estis tiu, kiu frakasis la makzelon aliformigante lian vizaĝon.

Ili kunigis la ŝafarojn kaj malrapide ekrevenis tra la valeto, nun lumigata de la tagmeza suno. — Kiam ili alvenis al la rivero, la vundito, kiu dufoje svenis, povis satigi sian soifon.—Tamen li rifuzis ĉian kuracadon. — Tra la vundo li estis perdinta multe da sango kaj la hemoragio daŭris, malsekigante kaj ruĝigante tre intense liajn vestaĵojn. — Kiam ili metis lin denove sur la selon por daŭrigi la marŝadon, li estis preskaŭ senviva, kaj plendis tre malforte. — Li ekdeliriis kaj parolis sensencajn frazojn. — Antaŭ foriro iu alproksimiĝis por doni al li gluton da brando, sed li ne komprenis.

„Malbona sorto, amiko“ — li diris. Kaj la spirado ĉesis.

Tradukis: *Onofre B. Larraburu*

# El Esperanto-movado en Pollando

En Pabianice, urbo en centra Pollando, vivas ĉirkaŭ 40.000 homoj, pliparte laboristoj.

Antaŭ du jaroj kelkaj junaj entuziasmuloj, lernantoj de Sniadecki-Gimnazio, alkondukis instruiston el Łodź kaj komencis unuan kurson de Esperanto en la historio de nia urbo. Partoprenis 10 knaboj 15—18 jaraĝaj.

La kurso finis, kaj dek novaj samideanoj komencis bonan esperantan propagand-laboron. Sniadecki-Grupo aranĝis dum Junio 1947 malgrandan esp.-ekspozicion en la lernejo. La Grupo estis reprezentata en la Int. Esperanto-Tago en Sopot (aŭgusto 47) kaj en la Tutlanda Esperanto Kongreso en Varsovio (oktobro 47). Aŭtune komencis IIa Esperanta kurso en Sniadecki-Gimnazio. Partoprenis 20 knaboj. En Meĥanika-Gimnazio komencis IIIa kurso kun 40 anoj. En la plej granda teksaĵfabriko en Pabianice organizis Sniadecki-Grupo interesan Esperantan Ekspozicion. Ĝis decembro 1947 anoj de Sniadecki-Grupo kolektis pli ol 1200 surskribojn en la Petskribo-akcio (15% de tuta Pollando).

Printempe la nelacigeblaj grupanoj organizis 3 novajn kursojn en aliaj urbaj gimnazioj, kun partopreno de 80—100 personoj 16—25 jaraĝaj. Fine de Junio 1948 Sniadecki-Grupo organizis III-an grandan Esp.-Espozicion. *R. Badowski.*

# Korespondado de lernantoj

Mi instruas Esperanton en knaba burĝa lernejo ekde novembro de la pasinta jaro. Sed miaj lernantoj jam je Kristnasko volis korespondi kun junaj fremdlandaj gesamideanoj. Ni do skribis bildkartojn, tute simplajn, kun novjara bondeziro kaj jena sinprezento: *„Mi estas 14-jara slovaka knabo kaj tre deziras korespondi kun vi.“* La bildkartoj estis senditaj kaj miaj lernantoj senpacience atendis la respondojn.

La unua respondo venis el Anglujo, el la Lymington — lernejo en Dagenham. Nature, ĉiuj knaboj enviis la feliĉan ricevinton de tiu respondo, sed post nelonge venadis la respondoj unu post la alia. Miajn knabojn tre interesis la interŝanĝado de poŝtmarkoj kaj landpriskriboj. Slovaka knabo skribis al sia franca amiko, loĝanta en suda Francujo ĉe la marbordo, pri skikurado en la montaro Hole, kiu estas 1300 m alta kaj kie estas vintre pli ol du metrojn dika tavolo da neĝo. La franca knabo respondis kun granda miro, ke li ankoraŭ neniam vidis montojn kaj neniam vidis tian amason da neĝo; li vidis nur neĝerojn, falintajn sur la teron kaj aliiĝintajn tuj je akvo. Kaj li petis bildojn pri Hole, por ke li povu tion bone imagi. Li siaflanke skribis al sia slovaka amiko pri la maro, pri kulturado de ostroj kaj pri aĵoj, kiujn nia slovaka knabo en sia senmara patrujo neniam povis kaj povos vidi.

Certe tre ĝojis la italaj knabinoj, kiuj ricevis belegajn fotografaĵojn pri la slovakaj grotoj de Demänová.

Sed ankaŭ ĉokolado estis grava temo por niaj kaj eĉ fremdlandaj geknaboj. En kelkaj leteroj estis demando: „Ĉu la porciumoj da nutraĵoj en via lando estas sufiĉaj, ĉu vi ricevas sukeraĵojn kaj ĉokoladon?“ Unu angla knabo sendis bildkarton pri sia urbo kaj pri la „Reĝa Kverko“ kaj skribis: „Tio estas la fama trinkejo, kien iradas vespere miaj avo, patro kaj frato por trinki.“ Kaj pri sporto, precipe piedpilko, estis forgesite en nek unu letero.

Tia korespondado tre disvastigas la konojn de la gelernantoj, gajnas ilin daŭre por Esperanto sed ĉefe vekas en ili homamon, kiu estas la fundamento de la mondpaco.

*OMR.*

---

ĈU VI JAM PAGIS VIAN KOTIZON?

---

# Respondo je kritiko

En la 7—8 (25—26) n-ro pasintjara ni aperigis artikolon de J. V. Dolinský pri la Muzika Terminaro de J. M. Butler. Ni petas pardonon pro malfrua aperigo de la nuna respondo, kaŭze de lokmanko. (Rim. de la red.)

Mi tre dankas S-ron Dolinsky pro lia afabla recenzo pri la *Muzika Terminaro*. Eble vi permesos al mi kelke da klarigoj.

Dum 40 jaroj mi pripensis la Esperantan muzikan terminaron. Mi trovis la provojn de Menil (Franco) 1908 kaj la aldonajn paĝojn de Schaefer (Germano) 1910 nur skizaj, kaj tute ne sufiĉe ellaboritaj. Kelkajn fojojn mi provis verki ion pli kontentigan, sed ĉiufoje rezignis, pro la ŝajna neebleco de la tasko.

Nacie kaj internacie la muzika terminaro estas en stato ĥaosa. Ekz., la radiko *ton* estas internacia. Sed kion ĝi signifas? Sole en la tri lingvoj A. F. G. ĝi havas 12 diversajn signifojn (en ĉiu lingvo nesamajn). Eĉ en unu lingvo — la Angla — terminoj muzikaj varias laŭ la aŭtoro kaj la skolo. Por unu afero oni uzas tre malsamajn nomojn; kaj unu nomo povas havi tre malsamajn signifojn. La lernolibroj uzas terminojn inter si konfliktantajn. Pri Muzika Formo, ekzemple, mi posedas ses lernolibrojn, kaj ĉiuj malkonsentas inter si pri terminoj uzataj. Se regas ĥaoso pri la plej elementaj aferoj ĉe nur unu lingvo, imagu tiun ĥaoson multobligitan en komparo kun aliaj lingvoj, kaj amaso da novaj konfliktantaj uzoj.

Kiam oni insiste petis, ke mi pretigu muzikan terminaron por IEL, mi do longe hezitis, sciante, ke solvo kontentiga por ĉiuj estas afero tute neebla. Mi petis kunlaboron de S-ro Merrick. S-ro Merrick kaj mi estas profesiaj muzikistoj el la du plej gravaj muzikakademioj en Britujo. Ni arigis ĉirkaŭ ni ok aliajn muzikistojn, kaj konsultis multe da specialistoj diversfakaj. Ni kontrolis ĉion jam verkitan pri la temo en Esperanto, kaj konsultis multe da enciklopedioj kaj lernolibroj diverslingvaj. Ni cirkuligis por konsidero liston da proponoj, donante la por kaj la kontraŭ ĉe demandoj dubaj, en 1500 grandaj paĝoj dense tajpitaj kaj okobligitaj. Ĉiun kritikon, ĉiun novan proponon, ĉiun opiniesprimon, ni denove okobligis kaj dissendis. Finfine ni sukcesis redukti la tuton al la 35 telegramstilaj paĝoj de la Terminaro, kaj pri ili atingis plenan interkonsenton. Rezulto kontentiga, kaj eĉ miriga! Ni ja sciis, ke neniu plene kontentiĝos, kaj ni atendis multe da mallaŭdaj kritikoj. Tamen la kritikoj estis ĝis nun plene laŭdaj, kaj neniu skribis eĉ por korekti eraron.

Ni ekzamenu unu demandon, kiun levas S-ro D. Li deziras, ke anstataŭ *klefo* oni diru *ŝlosilo*. Certe, *ŝlosilo* estas tute bone uzebla. Tamen iom malpreciza. Oni povus diri, ekzemple, ke la solfasistemo estas *ŝlosilo* al muziklernado, sed tio estas tute alia afero. S-ro D deziras, ke oni preferu nomojn latinajn aŭ italajn; tamen ankaŭ kontentigi la muzikiston mezeŭropan (aferojn malsamajn).

Nu, latine oni diras *clavis*, I. *chiave*, A. kaj *F. clef*. La Plena Vortaro ne donas *ŝlosilo* (kiel diras S-ro D) sed *kleo*[1] Same ankaŭ Menil kaj Schaefer. Ni proponis *klefo*, ĉar ĝi estas pli internacia.

Alia demando. La sep blankaj klavoj de la piano nomiĝas Itale *la si ut re mi fa sol;* France *la si do ré mi fa sol*, Angle *A B C D E F G*, Germane *A H C D E F G*.[2] Kiun ajn el la 4 sistemoj ni elektus, ni malplaĉus al tri nacioj. La I. F. nomoj ne konsentas inter si, kaj ambaŭ estas neakcepteblaj por Angleparolantoj, ĉar por ili la liternomoj (same kiel la francaj cifernomoj) signifas ion tute alian (toniko, dominanto...) La germana sistemo ŝovas H mezen de A kaj C. Ŝajnas plej regule kaj simple diri A B C D E F G. Ne solvas la problemon diri, ke la normala alfabeta ordo estas „arkaika"[3] aŭ ke „la muziko de Germanoj kaj Ĉeĥoj estas altnivela"! Ĉiu tion kore konsentas. Tamen ankaŭ aliaj nacioj verkis muzikon. Kaj kiom tio rilatas al la problemo?

Mi ĝojas, ke S-ro D akceptas kelkajn terminojn de ni proponitajn: ekz., la serion *unuto, duto, trito* (la terminojn *primo sekondo* ni *ne* proponis).[4] Ankaŭ la uzon de *is* kaj *be* kiel mallongajn sinonimojn de *dieso* kaj *bemolo*. (Ni proponis *be(molo)* prefere ol G *es* (kaj *be* ankaŭ estas Germana), ĉar *is* kaj *es* tro intersimilas, kaj *es* fatale pensigas pri *dieso*.) Mi ne asertas, ke nia propono pri isnomoj kaj benomoj estas perfekta. Ĉiuokaze, ĝi estas nur propono pri sinonimoj proveblaj flanke de *dieso* kaj *bemolo*. Tamen notu, ke la formoj *Bobebe* skalo, *Ebebe tonalo*, kiujn S-ro D mokas, estas formoj neniam bezonotaj (Neniam mi vidis 10-bean gamsignon).[5] Kaj se G paroliĝas *Go*, ♯ *is*, kaj ♭ *be;* tiam parole nomi G♯ *Gis* kaj Gb *Go be* estas almenaŭ racie. La terminoj *Skalo Fo-diesa minora* (F min ) kaj *Tonalo Go-bemola maĵora* (Gb maj) estas neoportune longaj. (Kp. F *is minora*, G *be maĵora:* Angle *F sharp minor, G flat major).*

---



Junaj japanaj gepioniroj en Osaka estas preparitaj komenci esperanto-kurson.

Oni ja povus, ankoraŭ pli mallonge, tamen malpli regule, akcepti germanajn formojn *Gis Ges* (tamen ne akceptante H). Sed ĉu tio kontentigus la Germanojn? Aŭ ĉu, pro simileco, tamen nesameco, ĝi aldonus al la konfuzo?

Laŭ kiu logiko *isis* ♯♯ kaj *bebe* ♭♭ en Esperanto estas monstraj,[6] sed la Germanaj *isis* kaj *eses* ne estas monstraj? Eĉ Germane oni diras parole *Be* kaj *Doppel-Be.*[7] Kaj se de A oni germane (kaj Esperante) derivas *Aisis,* tiam regule estus diri *Aeses* (Esp. *A bebe*) kaj ne *Ases!*

Ĉiuokaze, oni ne akuzu nin pri anglemo, kiam ni tute ne uzis vortojn anglajn, sed provis kiom eble kontentigi la Germanojn kaj la Francojn!

Fine: Resuminte en nia verko multajn volumojn de muzika teorio diversflanka, ni rajtas esperi, ke ni liveris terminaron sufiĉe kompletan por praktikaj bezonoj. Ĝi estas la sola ĉiuflanka terminaro ĝis nun aperinta. Se S-ro D montros al ni, kio mankas, por ke ĝi estu pli „kompleta“, ni volonte tion atentos en nova eldono.

Ĉi tion mi skribas tute amike: ne dezirante komenci polemikon ne konvenan por viaj paĝoj, sed nur por informo, kaj por montri alian flankon de la afero.

Samideane *M. C. Butler.*

## Piednotaj rimarkoj al la respondo de s-ro Butler

[1] Tion la recenzinto ne diris.

[2] La rimarko de la recenzinto ne rilatas al la nomoj de la blankaj klavoj, sed al la t. n. „muzika“ alfabeto, laŭ kiu oni sisteme dividas la tonaron de la nuntempa muziko en oktavojn; kaj ĝi ne estas identa kun tiu de la „gramatika“. La sinsekvo de la blankaj klavoj en la oktavo estas jena: *C D E F G A H* kaj ne *A B* (eĉ ne A H) *C D E F G.* Tia ĉi estis la muzika alfabeto ĝis la unua duono de la X-a jarcento, kiam ĝi ŝanĝiĝis jene: *C D E F G A B.*

Post la ŝanĝo de „B-quadratum“ la sepa litero de la vico ŝanĝiĝis je ‚H“.

[3] Jes, la normala alfabeta ordo (a b c d e f g) — aplikatá ál lá náturá durá gamo fundamenta (C-maĵoro) — estas en la moderna, komprenu: nuntempa muziko efektive *arkaika!*

[4] La recenzinto tion ne diris, sed li bontrovas ankaŭ tiujn terminojn.

[5] Teorie ekzistas ankaŭ tiaj gamoj.

[6] La recenzinto nomis „monstra“ (kaj ekzemplis nur) *sole* la duoble malaltigantan „bebe“.

[7] Jes, sed ne „beb“, kaj derivante gamŝtupon eĉ la Germanoj ne diras „doppel-Be“, sed simple „Heses“. Kaj ĝuste tiu „be“ en la germana kaj mezeŭropa muzikteorioj estas *kontraŭ-sistema* (ja ĝi estas restaĵo el la X-a jarcento!), ĉar malaltigante tonojn oni uzas ĝin sole ĉe la 7a ŝtupo de C-maĵoro — ĉe la ceteraj oni parolas: C-es, D-es, E-s, ktp. kaj ne C-be, D-be, E-be, ktp.

Estas do nature, se la „es“ — finaĵon oni uzas ankaŭ ĉe la 7a ŝtupo nomante ĝin „Hes“ anstataŭ „Be“.

La recenzinto.

# POR KOMENCANTOJ

## EMINENTA PERSONO DE ĈS. UNIVERSITATO REKOMENDAS ESPERANTON.

La popoldemokratia ĈSR ebligas al junaj talentitaj laboristoj, ke ili povu studi en altlernejoj. Tial estas necese doni al la laboristaj adeptoj elementan scion pri la latina lingvo.

La dekano de kuracista fakultato en la universitato de Olomouc prof. Dro František Lédl, donis sian opinion pri la afero al la redaktoro de ĵurnalo „Stráž lidu", dirinte: „La latinan lingvon povus anstataŭi Esperanto, kiu transprenis grandan kvanton da vortradikoj el la latina lingvo. Kaj fakte estus vere tre utile, se tiu ĉi facila internacia lingvo estus instruota en la dua kaj tria ŝtupoj de la lernejoj. Certe ĝi estus pli bona fundamento por la studado de fremdaj lingvoj ol eblas tion nun ekz. lingvo latina. Esperanto havas multe pli riĉan vorttrezoron, ol povas doni okjara studo de la latina lingvo, kaj samtempe Esperanto interkonatigas la studantojn kun la ĝusta esprimo de la internaciaj vortoj, kiujn ĝi enhavas."

## VYNIKAJÚCA OSOBNOSŤ ČS. UNIVERZITY ODPORÚČA ESPERANTO.

Ľudovodemokratická ČSR umožňuje mladým nadaným robotníkom, aby mohli študovať na vysokých školách. Preto treba dať robotníckym uchádzačom základné znalosti latinského jazyka.

Dekan lekárskej fakulty na univerzite v Olomouci prof. Dr. František Lédl, prejavil svoju mienku o tejto veci redaktorovi časopisu „Stráž lidu", povediac: „Latinskú reč by mohlo nahradiť Esperanto, ktoré prevzalo veľké množstvo kmeňov z latinčiny. A naozaj by bolo veľmi užitočné, keby sa táto ľahká medzinárodná reč vyučovala na školách druhého a tretieho stupňa (na druhom a treťom stupni škôl). Iste by bola lepším základom pre štúdium cudzích jazykov než ho umožňuje teraz napr. jazyk latinský. Esperanto má oveľa bohatšiu zásobu slov než môže dať osemročné štúdium latinčiny a Esperanto súčasne soznamuje študentov so správnym významom medzinárodných slov, ktoré obsahuje (ktoré v ňom sú).

(Esperanto-Servo, II., 3.)

# Parolas SEI

EN INTERKONSENTO kun SEI s-ano Ján Lamačka eksiĝis el la trio de kunredaktoroj de nia ES. Li dediĉas sin nun al redaktado de esperanta rubriko en la semajna revuo „Nedeľa“. Ni dankas sincere al s-ano Lamačka por ĉio, per kio li kontribuis al plibonigo kaj la nuna nivelo de ES. Li restas en intima kontakto kun ni ankaŭ por la estonto. Al lia nova agado ni deziras multan sukceson! (Vidu ankaŭ paĝon 51).

NI ATENTIGAS niajn abonantojn, ke la abono por 1949 estas Kčs 70.— eksterlanden Kčs 80.—. Kiuj pagis Kčs 60.— aŭ Kčs 90.— kun membreco en SES, kiel pasintjare, tiujn ni petas pagi la reston ĉe plej proksima okazo.

NI PETAS ĈIUJN, kiuj ankoraŭ ŝuldas al ni la abonon kaj kiuj ankoraŭ ne repagis sian kotizon por SES, ke ili tion bonvolu fari kiel eble plej frue. Pagitaj ŝuldoj estas bazo de bona amikeco. Dankon!

ALMETU POŜTMARKON, se vi deziras informon de SEI. Sed bonvolu ne peti de ni informojn pri bagatelaĵoj, pri kiuj vi povas informiĝi ĉe ĉiu nur iom sperta samideano. Respondante je bagatelaĵoj ni perdas tempon, kiun ni povas uzi multe pli utile.

LOKAJ GRUPOJ KAJ RONDETOJ DE SES, bonvolu anonci al ni tuj la lokon kaj horon de via regula kunveno por aperigo en gazetoj, kalendaroj ktp.

---



*Každú zmenu adresy oznámte hneď administrácii. Ďakujeme!*

## EL ESPERANTUJO

*Košice.* La ĝenerala kunveno de LG okazis la 9-an de februaro. El la pasintjara laboro estu menciita: 3 kursoj, 2 akademioj, la II-a tutslovaka kongreso kaj koncerto de kantistino M. Santreuil. La nova estraro estas: prezidanto *J. Zalupský,* vicprezidanto *J. Galica,* sekretario *A. Magera,* kasistino *H. Kaviaková,* revizoroj *F. Lelovits, J. Lukáč,* anoj de estraro: *P. M. Lexmann, E. Rabatinová, E. Kremerová* kaj *J. Kočiš.*

La grupo kunvenadas *ĉiumerkrede je la 19-a* en la ejo de „Veritas“, Cyrilla a Metoda 1.

*Slovaka Esperanto-Societo en Nové Zámky.* La 19-an de marto estis la unua kunveno de SES — interes-rondeto ĉe gimnazio. La ĉeestantojn bonvenigis kaj pri Esperanto prelegis s-ano *Ivan Slávik,* kiu estis elektita prezidanto. Vicprezidanto estas s-ano *Valentín Drevenec,* kiu proponis aranĝi kurson. Sekretario estas s-ano *Mojmír Škopec* kaj kasistino *Elena Bolchová,* kiu proponis fiksi ian monatkotizon (la anoj interkonsestis pri 3 Kčs) por povi aboni esperantajn gazetojn ankaŭ eksterlandajn. La anoj anoncis al la direktoro sian intencon okazigi kurson. Li konsentis, tial estis eble efektivigi komunan lernadon ĉiusabate inter 13—14a horo.

*Regiona kunveno en la Filipa valo.* Dum lastaj tagoj de majo, aŭ komence de junio okazos regiona kunveno (plibonedirite regiona ekskurzo) en la „Filipa valo“, arbara valo ĉe la vilaĝo Javorník en Moravio, sur la slovaka limo. En ĉi tiu valo okazadis en 1880—1890 kunvenoj de kulturaj laborintoj de „slovakoj hungaraj kun la slovakoj moraviaj“ kiel estas skribite sur la tiea memortabulo. Celo de la kunveno estas profundigi amikecon inter s-anoj slovakaj kaj moraviaj. Eventualajn informojn pri detaloj bonvolu sendi al s-ano *Jaromír Pavlacký,* komercisto, Veselí nad Moravou.

*LIBEREC vin vokas!* Esperanto-Klubo en Liberec, kiel gastiganto, sincere invitas ĉiujn esperantistojn partopreni la ĉi-jaran ĝeneralan kunvenon de Esperanto Asocio en ČSR de la 4-a ĝis la 6-a de junio 1949. Vizitu nian belan urbon por travivi kelkajn agrablajn tagojn inter ni! Estas utile anonci sin baldaŭ, por ke ni povu prizorgi belajn loĝejojn. Ĝis revido en **Liberec!**

RENDEVUON DE ESPERANTISTOJ el suda Moravio aranĝos Esperanto-Rondeto Břeclav la 19an de junio 1949 en Břeclav. — El Břeclav okazos ekskurso al LEDNICE, fame konata perlo de suda Moravio. En Lednice ni trarigardos belegan kastelon en gotika-renesanca stilo kun vintra ĝardeno. Venu, vi estos kontentaj. Detalajn informojn postulu de *Esperanto Rondeto en Břeclav,* aŭ de la sekretario *R. Trojna,* Břeclav.

SENDU EKSPOZICIMATERIALON AL VSETÍN!

En Vsetín okazos ĉi-somere granda ekspozicio sub titolo *Valaĥio Laboranta*“, en kies kadro estos instalita ankaŭ Esperanto-stando. La tiea Esperanto-Klubo (sekretario J Zajíc) petas pruntedonon de inda materialo pri nia movado en Slovakujo. Nedifektita redono garantiata! En kadro de ekspozicio okazos ankaŭ la unua kunveno de esperantistoj de orienta Moravio la 2—3-an de julio en Vsetín, kiu estos certe bona okazo por interkonatiĝo de moraviaj kaj slovakaj samideanój.

TUTMONDA JUNULARO — NI ALVOKAS VIN!

„Helpu al ni konstrui la pacon sur pli firma bazo, sur la bazo de interkompreno pere de facila internacia lingvo Esperanto!“

Junulara fako ĉe Esperanto-Asocio de Ĉeĥoslovaka respubliko kaj Skolta esperantista ligo — teritorio Ĉeĥoslovakio — aranĝos en la kadro de unua postmilita tutŝtata Esperanto Kongreso en apudlima urbo Liberec, okazonta la 4-an ĝis 6-an de junio 1949

Junularan kongreson

Ĉeĥoslovaka ministro por informoj kaj klerigo, s-ro V. Kopecký akceptis la protekton de la Kongreso, kiu promesas fariĝi grava okazintaĵo en nia esperantista movado. Ni volas pruvi al niaj ne-esperantistaj amikoj en vicoj de junularo, ke esperanto servas al la junularo de la tuta mondo. Tial sendu ĉiuj multajn salutleterojn el diversaj mondpartoj je la adreso:

*Junulara Fako ĉe Esperanto Klubo en Liberec, Leninova 4a, Ĉeĥoslovakio.*

Ni certe respondos viajn salutojn per kongresaj poŝtkartoj, Samptempe vi povos trovi korespondantojn el nia respubliko.

XIV. KONGRESO de FLANDRA ESPERANTISTA en GENT, *4, 5 kaj 6 Junio 1949.*

Por la dua fojo Flandra Ligo Esperantista kongresos en Gent, la ĉefurbo de Orienta Flandrujo. La gesamideanoj, kiuj vizitos gin, certe ne bedaŭros, ĉar la organizantoj penos igi la kongreson plej alloga kaj fruktodona.

Por informoj kaj aliĝiloj oni sin direktu al la sekretario, S-ano Deboes G. Clementinalaan 31, GENT, BELGUJO.



Japana samideano T. Kurisu en Osaka fervore laboras por Esperanto ne nur en sia lando, gvidante kursojn, sed li ankaŭ pere de Esperanto konatigas la slovakan publikon kun japana literaturo. La slovaka ĵurnalo „Práca“ publikigis jam kelkajn tradukojn, kiujn samideano Kurisu sendis en Esperanto al la redakcio de „Práca“.

*Aŭstria Esperanto-Kongreso* en Graz, Stirio, okazonta la 16-20 de julio, promesas al la partoprenontoj tre interesan programon: interkonat. vesperon, amuzan internac. vesperon, stirian festvesperon kun prezentado de popolaj dancoj, kantoj kaj muziko; fakkunsidojn, nomigon de „Esperanto-Placo“, grandan ekspozicion, esppredikon kaj je la fino komunan viziton de la mondfamaj grotoj Lurgrotte Peggau, la sola akvoaktiva kaj stalaktita groto de Aŭstrio kun pli ol 2 km da modernaj vojoj al la plej granda subtera lago de Aŭstrio. Okaze de la kongreso estos uzata speciala poŝt stampo kaj la poŝto eldonos Esperanto-poŝtmarkon. Eksterlandaj partoprenantoj ne pagos kotizon, ĝuos rabaton ĉe la Aŭstriaj fervojaj li-

nioj k. ricevos 3 n-rojn de la vojaĝgazeto „La Migranto“ kiel kongresgazeto. Adreso de Loka Kongresa Komitato: S-ano *A. Podrepschek*, GRAZ-I., Sackstrasse 16/I — Aŭstrio.

*Akademio de Esperanto* (adreso: Oostduinlaann 32, DEN HAAG, Nederlando) estas nedependa lingva institucio, kies tasko estas: esplori ĉiajn lingvajn demandojn, kiuj koncernas Esperanton; verki vortaron de E. kun difinoj en E.; verki teknikajn terminarojn aŭ kontroli kaj aprobi tiajn terminarojn, verkitajn de aliaj aŭtoroj; revizii aperintajn verkojn kaj kritiki ilin laŭ lingva vidpunkto. Ĝi povas doni premiojn al la aŭtoroj de la plej bonaj aperintaj verkoj; defendas E-ton kontraŭ konkurencaj sistemoj de internacia lingvo. Ĝi devas esplori demandojn, prezentitajn al ĝi de la prezidanto aŭ de la estraro, de la direktoro de unu el la sekcioj aŭ almenaŭ de 5 akademianoj. Ĝi povas ankaŭ esplori demandojn, prezentitajn de iu esperantista organizaĵo, de unuopa persono aŭ de grupo da personoj. Ĝi solvas la lingvajn demandojn laŭ principoj de la Fundamento de Esperanto. Por diskonigi siajn laborojn kaj deklarojn la Akademio publikigas „Oficialajn informojn“ en formo de cirkuleroj, sendataj al la akademianoj kaj al esperantistaj gazetoj, kiuj deklaris sin pretaj represi ilin.

*Hispanujo.* Kiel oni sciigas el Valencio, fondiĝis tie Hispana Esperanto-Federacio kaj havas grandajn esperojn pri baldaŭaj kaj gravaj sukcesoj rilate Esperanton. Kiel unu el la plej urĝaj postuloj prezentiĝis eldoni gazeton, ĉar la mondaj malfacilaĵoj rilate la elsendon de mono malpermesas al la hispana esperantistaro ricevi eksterlandajn gazetojn.

GRAVA PETO AL RADIOAŬSKULTANTOJ!

Nia lingvo marŝas antaŭen. Tamen ni memoru, ke la prospero de lingvo kaj movado ĉiam dependas de nia fervoro kaj konstanta laboro. Sciante, ke via intereso por nia tutmonda movado rilatas ankaŭ al la radio, ni petas vian helpon: nepre skribu ankaŭ al la Sveda Radio. STOCKHOLM, Svedujo, kiu fine ankaŭ akceptis Esperanton por siaj disaŭdigoj (la horindikojn vidu sur pĝ. 46 de nia gazeto). Oni prezentas informojn pri aktualaj aferoj kulturaj, sociaj kaj politikaj, pri sveda kaj internacia sporto, vi aŭdos ankaŭ svedan muzikon, rakontojn pri diversaj provincoj kaj ĝiaj tipaj kutimoj kaj moroj. Vi havos ankaŭ informojn pri la esperantista movado en Svedujo. Do, sendu leteron aŭ poŝtkarton de temp' al tempo proponante, dankante kaj instigante.

*Italujo.* Laŭ sciigo de nia kunlaboranto Giuseppe Scalenghe, la gazeto „Verda Steleto“ ĉesis aperi pro manko da mono, sed la italaj samideanoj sukcesis nun fondi novan gazeton „Italia Esperantista“, kies redaktoro estas D-ro Luigi Gasperini, ĵurnalisto, Massa Maritima (Grossetto), Italujo. Laŭ la cirkulero de la F. E. I. (Italia Esp.-Federacio) jam aperis la unua n-ro.

RADIO SOFIA ELSENDAS ESPERANTON ĈIUTAGE.

Kun ĝojo ni sciigas, ke post Praha kaj Parizo nun ankaŭ radio Sofia enkondukis ĉiutagan Esperanto-elsendon. Ĝi okzasa je la 21-a horo de orienteŭropa tempo (20-a h. de mezeŭropa kaj 19-a h. de greenwicha tempo), ondlongo 39,11 m. Aŭskultu la elsendojn kaj skribu instigan karton al Radio Sofia, Esperanto-emisio, SOFIA, Bulgarujo.

ESPERANTAJ FERIAJ KURSOJ EN FRANCUJO.

Feriaj kursoj estas aranĝotaj de GEE (Asocio de esperantistaj instruistoj). Eksterlandanoj, precipe ĉeĥoslovakoj, estas tre bonvenaj.

En julio okazos 1949 du kursoj (perfektiga kaj seminaria), en aŭgusto okazos tri kursoj (komenca, daŭriga kaj perfektiga), nur matene; posttagmeze distroj kaj ekskursoj.

Petu pli detalajn informojn sendante respondkuponon al la prezidantino de GEE, *f-ino Jeanne DEDIEU*, profesorino, 3 str. Arzac, TOULOUSE, Francujo.

*Internaciaj someraj kursoj en Kerk Avezaath (Nederlando), 28-a julio — 4-a aŭgusto 1949.* La Nederlanda Esperanto-Asocio „La estonto esta nia" aranĝis en 1947 unuafoje somerajn kursojn en Kerk Avezaath. La entuziasmo de la partoprenintoj decidigis la ĉefestraron denove aranĝi tiajn kursojn, sed ĉi-foje internaciajn, en kunlaboro kun la Flandra Ligo Esperantista. Inter kursgvidantoj partoprenos ankaŭ T. Morariu, el Svedujo, fama kursvidanto kaj preleganto, kiu regule kunlaboras en internaciaj kursoj en Helsingör (Danlando), krome A. J. Kalma — redaktoro de *Nederlanda Esperantisto*, d-ro Th. van Gindertaelen, prez. de Flandra Ligo Esperantista kaj F-ino H. M. Mulder, sekretariino de la Nederlanda Ekzamena Komisiono. Por aliĝoj kaj informoj bonvolu turni vin al s-ro P. W. Baas, AMSTERDAM-Z, Corn. Kruseman str. 43.

---

*Pozor!* Všetko, čo sa týka Slov. esp. sdruženia (prihlášky. členské), Slov. esp. ústavu (objednávky) a časopisu Esperantisto Slovaka (predplatné, zmena adresy, objednávky), posielajte výlučne na adr.: T. Sv. Martin, Kuzmányho 29.

## PERSONAJ SCIIGOJ

Antaŭ 50 jaroj, la 23-an de majo 1899 naskiĝis prezidantino de loka grupo Brno-Židenice, samideanino Milda Jakubcová, iama sekretariino de „Latva Esperantista Asocio" kaj kunlaborantino de latva revuo „Ondo de Daŭgava" en Riga, nun kunlaborantino de „Esperantisto slovaka".

La jubilantino festas samtempe 25 jarojn de sia laboro por Esperanto.

En pluajn jarojn ĉion plej bonan al sia „Verda panjo" tutkore deziras „suĉinfanoj" (gekursanoj), grupanoj kaj la estraro.

*G. Šalamonová* kaj *Lad. Nullas* anoncas sian ge-edziĝon, okazintan la 18an de aprilo en la r.-kat. preĝejo en Jelšava. — Nian sinceran bondeziron!

## NI RICEVIS

*Enketo pri internacia helplingvo.* Eldonis (laŭ peto de UEA) Sveda Esperanto-Federacio, Tegelbacken, STOCKHOLM, Svedujo. Pĝ 32, prezo 5 respondkuponoj.

Tre valora kaj efika ilo por propagandistoj kaj kursgvidantoj, apoganta sin sur la scienca esploro de la Instituto Rousseau en Ĝenevo, koncerne la rezultojn de instruado en Esperanto-kursoj. La enkondukaj vortoj estas dediĉitaj al funkcio kaj signifo de helplingvo kaj al la taskoj de la Instituto pri esploro de la jam ekzistantaj helplingvoj. Ĉar la gvidantoj de aliaj helplingvaj movadoj ne respondis aŭ nur negative, vole-nevole la enketo limiĝis je Esperanto. La enketo uzis specialajn provtestojn, redaktitajn laŭ vortofteco, t. e. ke nur la plej ofte uzataj vortoj, en la ĉefaj naciaj lingvoj kaj en Esperanto

troviĝu en ili konformaj al la nepraj bezonoj de la vivo. Ili konsistis el desegnaĵoj, al kiuj estis almetita demando, rilata al la desegnaĵo aŭ ordono aldoni ion al la desegnaĵo. La dua parto de la testoj konsistis el frazoj ĉu sensencaj, ĉu sencoplenaj. La tria parto postulis respondon per precizaj vortoj por vidi, ĉu ili estas jam konataj de la lernanto. La kvara parto konsistis el letero petanta informojn pri la okazonta vojaĝo en la landon de la ekzamenata lernanto. Krome estis uzataj demandfolioj por ĉiuspecaj farotaj komparoj.

Entute 46 geinstruantoj en 15 diversaj landoj uzis la testojn en diversaj kursoj. El 84 kontrolitaj kursoj kolektiĝis 1.738 taŭgaj testoj, kiuj ebligis eldiron de tre ĝojigaj konkludoj en favoro de Esperanto kiel mnd-helplingvo akirebla de homoj el ĉiuj medioj. Inter la instrumetodoj le plej efika estas la Ĉe-metodo, t. e. la rekta metodo, instruanta nur esperantlingve, do sen traduko en nacian lingvon kaj anstataŭante la gramatikajn regulojn per konversacio (kolektiva respondado) jam ekde la unua leciono.

Pri la menciitaj konkludoj ni raportos venontfoje, por informi niajn kunlaborantojn pli detale.

STENOGRAFIO laŭ la sistemo Melin. 17-paĝa lernilo por tiu stenografia sistemo, kiu estas plej grandskalo uzata en Svedujo. Prezo sv. kr. 1:—.

MARY kaj SULO koresponda rakonteto de Kamemora. Uzata kune kun.

VÄGVISARE TILL VÄRLDSSPRAKET (Vojmontrilo al la mondlingvo) kiel nova reklamiro por Esperanto inter svedlingvanoj. La Vojmontrilo, verkita de V. Setälä, prezentas la kernon de Esperanto — 500 vortoj — per kiu la studanto povas akiri scion pri 10.000 vortoj. Prezo por ambaŭ kune kun la sveda ŝlosilo sv. kr. 1.—.

SVEDA ŜLOSILO 16-a eldono, 201—215-a milo. Prezo kr. 0:25.

KATALOGO B enhavas preskaŭ 400 diversajn esperantolibrojn eldonitaj de eldonejoj ekster Svedujo, sed livereblaj el stoko ĉe ELDONA SOCIETO ESPERANTO, Fako 19071, Stockholm 19, Svedujo.

MONDA TRIBUNO monata esperanta revuo por scienco, arto kaj tekniko. Ilustrita, grandformata, interesa. Aperas en Aŭstrio. Jarabono Kčs 100.— Abonebla ĉe Slovaka Esperanto Instituto, T. Sv. Martin, Kuzmány-str. 29. Provnumero kontraŭ alsendo de Kčs 3.— en poŝtmarkoj.

GLUMARKOJN ĉeĥ- kaj esperantlingvajn kun diversajn tekstoj por propagando de Esperanto, internacia tutmonda solidareco, paco kaj humanismo, eldonis *koro Esperanta, Brno, Bašty 6.* La sama eldonejo povas liveri al vi ankaŭ korespondkartojn kaj aliajn esperantaĵojn.

CERBUMU! Magia triangulo.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
| 2 | | | | | |
| 3 | | | | | |
| 4 | | | | | |
| 5 | | | | | |
| 6 | | | | | |

Horizontale kaj vertikale:

1. Sovaĝa planto. 2. Reveno al la elirpunkto. 3. Pene tiri post si. 4. Moviĝi per piedoj. 5. Elparolita litero. 6. Finaĵo de substantivo. Ensendis: *F. Winkel,* Rotterdam, Nederlando.

Estimataj Samideanoj, petu:

1. senpage turistajn broŝurojn kun vidindaĵoj, planoj, k. t. p. pri belgaj urboj.

2. Okaze de voĵaĝo loĝejon en belgaj esperantistaj koteloj au ĉe samideanoj (kontraŭ kompenso).

3. Gvidadon pere de samideanoj.

4. Reciprokan gastigadon.

Aldonu al via peto unu respondkuponon. Bonvolu komuniki la enhavon al lokaj gazetoj kaj al oficialaj kaj neoficialaj turistaj instancoj.

Adreso: LOECKX Rt, Delegito de U. E. A. (Turismo), Konijnenperken 109. BOSCHVOORDE-BRUSSEL, Belgujo.

SVEDA (ESPERANTA) REVUO „La ESPERO“

jam trovis admirantojn en la tuta mondo pro interesa enhavo, bela preso kaj regula apero. Se vi deziras aboni ĝin dum 1949, sendu la abonkotizon Kčs 84.— al ni kaj vi ricevados rekte el Svedujo ĉiumonate 8-, 12- aŭ 16-paĝan numeron ĉefe esperantlingvan.

Slovaka Esperanto-Instituto, T. Sv. Martin, Kuzmány-str. 29.

# Niaj perantoj

AŬSTRUJO: *Monda Tribuno* WIEN—IX, Rossauerlände 27. Jarabono 15 ŝil.

BELGUJO: S-ro *Tousseijn Camille*, 35 Statiestraat, Jabbeke. Jarabono bfr. 70.—.

BRITUJO: *U.E.A.*, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.) Jarabono 8 ŝilingoj.

FINNLANDO: *Eldono Vilho Setälä*, Kommandittiyhttiö, Onnentie 23, Helsinki—Kä. Jarabono: fmk 250.—.

FRANCUJO. S-ro *Jules Coste*, Cité du Moulin de-Senlis, Montgéron, (S. & O.); poŝtĉekkonto: C. C. P. 45123 Paris. Jarabono: ffr. 420.—.

JAPANUJO: S-ro *T. Kurisu*, Hannan-cho, Naka 5-23, Abeno-Ku, Osaka. Jarabono: 300 yenoj.

NEDERLANDO: *Esperanto Film-Grupo*, Antwerpsestraat 45, Bergen-op-Zoom. Jarabono: gld. 4.—.

SVEDUJO: *Eldona Societo Esperanto*, Fack 19071, Stockholm, Jarabono: 5,75 sv. kr.

SVISLANDO: S-ro *Otto Walder*, Eigenheim, Romanshorn. Jarabono: svfr. 6,75.

Samideanoj en koncernaj landoj kun reprezentanto estas petataj pagi al sialanda reprezentanto.

Por landoj, kie ni ne havas reprezentanton, la jarabono por la jarkolekto 1948 estas 16 internaciaj respondkuponoj aŭ esperantaj libroj en valoro de 6,75 svisaj frankoj = 8 anglaj ŝilingoj = 1,60 usonaj dolaroj.

---

NE FORGESU: FRUA ABONO ESTAS HELPO AL LA REVUO!

## ANONCETOJ

(Por eksterlandanoj senpage, por enlandanoj kontraŭ alsendo de Kčs 20.— en pm.)

Mallongigoj: dez. — deziras; kor. — korespondi; iŝ. — interŝanĝi, -as; pm. — poŝtmarkoj(n), pk. — poŝtkartojn; il. pk. ilustritajn pk, ĉ. l. — ĉiuj landoj, ĉ. t. — ĉiuj temoj, t. m. — tuta mondo; esp-aĵoj(n) — esperantaĵoj(n); esp-isto-esperantisto. ktp. — kaj tiel plu; k. s. — kaj simile; rk. — respondkupono internacia; g — gazeto.

*Filatelistoj* kiuj deziras ricevi esperantlingvan bildkarton de Graz kun la Esperanto-poŝtmarko kaj speciala poŝtstampo, okaze de la Aŭstria Esperanto-Kongreso, la 16—20 de julo 1949, bonvolu sendi 1. respondkuponon al s-ano Anton Podrepschek, sekretario de LKK, GRAZ-I., Sackstrasse 16/I. Aŭstrio.

S-ro *Gustáv Rumánek,* peltisto, NOVÉ MESTO n/V., ČSR-SLOVAKIO, dez. kor. kun t. m. Certe respondos!

F-ino *E. Salovaara,* Uusikatu 33, OULU, Finnlando, ricevis tiom da il. pk,. ke ŝi ne kapablas respondi al ĉiuj. Ŝi tamen klopodos trovi por ĉiu sendinto interŝanĝemulon.

*ABC* — klubo de korespondemuloj kaj kolektantoj ebligos al vi amikan aŭ komercan korespondadon, interŝanĝadon de poŝtkartoj, poŝtmarkoj, moneroj, libroj, gazetoj aŭ diversaj kuriozaĵoj kun la tuta mondo. Kluba organo estas la *ABC — Monda adresaro.* Tutjara abono: 50.— Kčs. Petu prospekton de: Prof. *Petro Zévl,* Kralovice u Plzně, ČSR.

S-ro *Dobri St. Dobrev,* 18-jara gimnaziano dez. kor. kun slovakaj lernantinoj pri Esperanto kaj scienco, Adreso: Ul. Georgi Kunurev 19, ST. ZAGORA, Bulgario.

Nepre sendu salut-leteron aŭ karton al s-ano *Ján Lamačka,* TRENČÍN, Pod Sokolicami, ĈSR, dankante al la redakcio de il. semajna revuo Nedeľa (Dimanĉo) por la enkonduko de esperanta rubriko. Vi tiamaniere helpos nin enpenetri en la slovakan gazetaron. Petu provnumeron kaj sendu interŝanĝmaterialon.

S-ro *Ŝ. Minami,* instruisto, MAENOHETA, Hanaoka, Matsusaka, Mie-ken, Japanujo, dez. kor. kun slovakaj geinstruistoj kaj iŝ. porinfanajn g.

S-ro *Lalja C. Lalev,* 20-jara, GORNA OREĤOVICA, Bulgarujo, dez. kor. kun t. m.

*Redakcio de „Companeros“,* MONTEVIDEO, calle Canelones 1122, Urugvajo, Suda Ameriko, peras korespondadon de infanlernantoj kun la t. m.

S-ano *Seán Kelly,* 17-jara studento STILLORGAN, 3. The Grove, Dublin. dez. kor. pri ĉ. t. kun ĉeĥoslovak(in)oj kaj aliaj eŭropan(in)oj. Skribu aerpoŝte!

*Junaj Gejapanoj* serĉas slovakajn korespondant(in)ojn. Skribu al la peranto: *Ŝibasaki Joŝihiro,* 905 Ŭadahonmaĉi Suginami-ku, TOKIO-to, Japanujo. Respondo garantiata!

Salutu la novefonditan klubon *Esperanto-Centro de La Paz,* LA PAZ, Av. 20. de Octubre 365, Bolivia, Suda Ameriko. Via kuraĝiga letero aŭ poŝtkarto estos bonvenata (se eble aerpoŝte).

S-ro *Stojan St. Mandaĝiev,* Ul. Haĝi Eleska 29, ASENOVGRAD, Bulgario, 18-jara gimnaziano, dez. kor. kun 14—18 jaraj samideaninoj slovakaj.

Skribu al la *Hungara popola junulara ligo MINSZ*, adoreso: BUDAPEST-VIII.,Muzeum-utca, petante informojn pri la demokrata junulara mondkongreso, okazonta dum aŭgusto. Petu ankaŭ uzon de Esperanto dum la kongreso!

S-ro *Zdravko G. Stojkin,* 19-jara gimnaziano dez, kor. kun 15—19 jaraĝa slovaka samideanino. Adreso: Ul. Zaĥari Stojanov 72, ASENOVGRAD, Bulgario.

La *Turisma fako de la Nov-Zelanda Registaro* sendos senpade al eblaj turistoj serion da belaj fotoj kun esperanta teksto por montri, ke No-Zelando estas elstare vizitinda lando. Nepre skribu al: *Departement for Tourist and Health Resorts,* WELLINGTON, Nov-Zelando.

S-ano Jan Hadámek, lernejdirektoro, JAKARTOVICE u Opavy, ČSR, serĉas seriozajn samideanojn, kiuj kolektas alumetskatoletojn, por interŝanĝado.

S-ano Ján Burda-Mráz, DLHÉ NAD CIROCHOU 143, ČSR-Slovacio, dez. kor. kaj iŝ. belajn bildkartojn kun t. m.

*Esperantista rondeto de SEL* en ČESKÁ LÍPA 1947 (s-ano Jiří Sobotka) dez. kor. kun t. m. Sendu ankaŭ skoltajn salutojn! Respondo certa.

F-ino Žofia Pazúriková, oficistino, SVIT, penzion II, č. 105, Slovakio, ČSR, dez. kor. kun t. m.

S-ano Karel Profous, laboristo, VARNSDORF—VI, 2033, ČSR, dez. kor. kun t. m. pri ĝeneralaj temoj aŭ iŝ. il. pk. kaj pm.

S-ano Frant. Svačina. LANŽHOT, ČSR, dez. kor. kun t. m. pri: 1) bredado de senkornaj kaprinoj, 2) metodo, kiel ĉesi fumadon, 3) metodo, kiel propagandi Esperanton, 4) tuta homa vivo de naskigo ĝis renaskiĝo.

Ant. Sattek, instruisto, PŘÍBOR, ČSR, serĉas gekorespondantojn inter slovakaj gelernantoj por esperantista interes-rondeto ĉe knabina mezlernejo, kiun li gvidas.

S-roj Jozef Borýsek kaj Miro Ďuroška, ROŽŇAVA — ÚBD, Šafárikova 67, ČSR-Slovakio, dez kor. kun gesamideanoj el t. m.

S-ro Stanislav Šimek, oficisto, VILÉMOVICE, poŝto Ledeč n/Sáz., ČSR, dez. iŝ. pm., il. pk. kaj semojn de akvoflоroj kun t. m.

F-no Soňa Zedníková, MODŘANY, ul. Beneše Šumavského 1482 — Praha, ČSR, dez. kor. kun t. m. pri ĉ. t. (ankaŭ kun ČSR!)

S-ro Vlasta Paclt, 17-jara lermanto OSEČNÁ u Liberce, ČSR, dez. kor. kun 15—17 jaraĝa gimnazianino.

Pošlite ďakovný lístok na adr. Ján Lamačka, TRENČÍN, Pod Sokolicami, pre obrázkový týždenník Nedeľa, ktorý zaviedol stálu esperantskú rubriku. Kto môžete, prihláste sa za predplatiteľa časopisu za sníženú cenu Kčs 240.— ročne.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.